n-ro 32
1998-2
novembro 1998

# Esperanto en Azio



## Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162-0042 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** Doi Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236-0017 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458 / PFH02512@nifty.ne.jp

### *e n h a v o*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 2001.*

Prezidanto: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

PAK Hwa-jong/ Korea Esperanto-Asocio, Kang Byeon Han Shin Core B/D No 1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, SEOUL, Koreio. tel.: +82-2-717-6974. fakso: +82-2-717-6975

TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

DAI Song-en/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

# 1. Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Por 1999 ĉiu kandidato bonvolu skribi jenojn klare legeble. Ne skribu pli ol du paĝojn, kaj pri aliaj petoj aparte turnu vin al koncernatoj, mi petas.

1) Konciza sinprezento

2) Kiel mi aktivis por nia movado en 1998.

3) Kiel mi kontribuos por la movado en mia regiono.

Limdato: fine de januaro 1999

Syôzi Keiko (s-ino): ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162-0042 Japan / Japanio

Aldone al la raporto en n-ro 31 jena ĉina esperantistino aliĝis al UEA kadre de la projekto C: Liu Yanchun

(Totale 60: 1 el Bharato, 41 el Ĉinio, 5 el Irano, 1 el Uzbekio, 1 el Rusio, 11 el Vjetnamio)

# 2. La 2a Azia Kongreso

## 2.1 el "Prospekto por la 2a Azia Kongreso de Esperanto"

***"Samideaneca Solidareco en la 2a Azia Kongreso de Esperanto"***

Alvenante Vjetnamion ĉi-okaze vi "propra-okule vidos kaj propra-orele aŭdos" - laŭ vjetnama proverbo - multnombrajn atestaĵojn pri la Solidareco inter la vjetnamaj geesperantistoj kaj la mondaj gesamideanoj dum la multaj jaroj de nia naci-sava milito, pro paco, amikeco, kooperado - tiajn samajn celojn hodiaŭ des pli favorigas la kooperadoj por la komuna prospero.

La Esperanto-movado en Vjetnamio, kvankam grave damaĝita en ĝia strukturo de la militoj, tamen rapide revigliĝas, kaj sendube ĝi restariĝos pli firma kaj pli fruktoporta, helpe de sia propra energio, samtempe de la neŝanĝebla Solidareco flanke de ĝia samideanaro nun ekfloranta en la Azia Kontinento kaj seninterrompe disvolviĝanta tra la tutmondo.

La vjetnamaj geesperantistoj atendas vin, samkiel la gastama vjetnama popolo kun larĝe malfermataj brakoj, kaj ni esperas, ke la tuj venonta 2a Azia Kongreso de Esperanto bonvenigos noblajn gastojn flanke de KAEM, de UEA kaj de alilandaj Esperanto-organizoj, same multnombrajn partoprenantojn, kiujn povus allogi la Ekstrem-orienta Vjetnamio kun ties ekzotikaj kulturo, naturo kaj vivo.

Vjetnama Esperanto-Asocio kaj la Loka Kongresa Komitato de la 2a Azia Kongreso de Esperanto antaŭdankas ĉiujn alhelpojn flanke de niaj geamikoj en diversaj landoj, aparte de memvolaj perantoj kiuj sendube kontribuos por la plensukcesigo de nia komuna

afero.

Atentu: Ĉiujn leterojn, cirkulerojn, sugestojn kaj subvenciojn (t.e. speciale literaturaj libroj, lernolibroj kaj modernaj Esperanto-lerniloj ktp...) vi sendu al la centra sidejo de LoKoKo laŭ jena aldonskribo: "POR LA DUA AZIA ESPERANTO-KONGRESO" (vidu adreson malsupre.) Ni danke akceptos organizojn aŭ individuojn agi kiel perantoj, post interkonsento.

Adreso: LKK de la Dua Azia Esperanto-Kongreso/ 105A strato Quán Thán, Hanojo, Vjetnamio

tel.:+84-4-8.454.547 fakso; +84-4-8.432.756

VIVU AMIKECO KAJ KUNLABORO INTER AZIAJ, MONDAJ ESPERANTISTOJ!

## 2.2 *Kotizoj*

Kotizoj varias depende de la loĝlandoj de la aliĝanto laŭ la jena grupigo

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj menciitaj ĉi-sekve sub B

B: Ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Resp.); Iamaj socialismaj landoj; Afriko kaj Latin-Ameriko

C: Vjetnamoj pagas per vjetnamaj dongoj (VND)

| Kongreskotizoj (A, B: US$) C: VND | 1a periodo ĝis 98-12-31 | 2a periodo ekde 99-01-01 | 3a periodo ekde 99-04-01 |
|---|---|---|---|
| Grupo A | US$ 100 | US$ 140 | US$ 160 |
| Grupo B | US$ 60 | US$ 80 | US$ 100 |
| Grupo C | 150.000 VND | 200.000VND | 250.000VND |

Senpage aliĝas

-infanoj ĝis 13-jaraj;
-necesaj akompanantoj de handikapuloj.

Notoj:

Al la Kongreso rajtas aliĝi ĉiu persono, kiu scias Esperanton aŭ subtenas ĝin, kondiĉe, ke li submetiĝu al la leĝoj de Vjetnamio kaj faru nenion kio povas malutili al la Kongreso.

La kongresa kotizo ne inkluzivas loĝadon, manĝon, transportojn, bankedon, ekskursojn kaj aliajn eventualajn pagojn.

La kotizo ne estas repagebla, senkonsidere ĉu pro propra volo aŭ iu ajn ekstera kaŭzo.

Kongresaneco ne estas transdonebla al alia persono. LKK ne traktos aliĝilon sen kompleta pago.

Nepre sendu vian aliĝilon kune kun kotizo al la sama instanco (la landa peranto aŭ LKK)

Ni kunmetas aliĝilon de la 2a Azia Kongreso. Sur ĝi troviĝas bank-konto de HAÑEA. Uzu ĝin.

# 3. Informoj

## 3.1 eldoniĝis la unua Esperanto-studlibro por uzbeklingvanoj

Finfine subtitole "ESPERANTO HALKARO TILI" ("Internacia Lingvo Esperanto") aperis La UNUA uzbeklingva Esperanto-studlibro. Pri ties apero raportis lokaj tutlandaj amaskomunikiloj. Tiun ĉi ĉirkaŭ 230-paĝan longe atendatan de uzbeklingvanoj libron aŭtoris samarkandaj esperantistoj Anatoli IONESOV (direktoro de la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro) kaj Bahodir HABIBOV (profesia lingvoinstruisto). La libro enhavas 12-lecionan Esperanto-gramatikon, Esperanto-Uzbekan kaj Uzbeka-Esperantan vortaretojn kaj Uzbeka-Esperantan konversacilibreton. Krom tio enestas kurta esperantlingva priskribo de la uzbeka lingvo, ties gramatiko kaj prononcreguloj, kio faras la libron interesa kaj praktike uzebla ankaŭ por alilandaj esperantistoj, kiuj interesiĝas pri la uzbeka lingvo kaj al vojaĝontoj al Uzbekistano.

La libro aperis ĉe moskva Esperanto-eldonejo "Impeto" dank' al la financa subteno de la Eduka Fondaĵo Carson. La eldono estas dediĉita al la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro, kies naskiĝo okazis en Samarkando antaŭ ĉio dank' al la internacia lingvo Esperanto. La unua Esperanto-studlibro por uzbeklingvanoj haveblas ĉe Libroservo de UEA.

*Anatoli IONESOV/ UZ-70300 Samarkando, abon. ja. 76, Uzbekistano*

## 3.2 Retadreso de "Ĉina Radio Internacia"

CRIPUBLICUSER (cri@gjdt.cri.cngb.com)

## 3.3 Retadreso de "El Popola Ĉinio"

(http: //www. org.cn/elpopolacxinio)

## 3.4 Nova Vortaro pri Medicino

La ĉina tradicia medicino (ĉinmedicino) estas granda medicina trezoro ne nur por la ĉina popolo, sed ankaŭ por la tuta homaro. La nuntempa intereso pri ĉinmedicino pliiĝas mondskale. Tamen la lingva diverseco estas granda malhelpo por diskonigi tiun ĉi antikvan medicinon al la tuta mondo. Do vortaro plurlingva pri la medicino estas necesa. Gvidite de profesorino GU Jianhua, grupo da ĉinaj medicinistoj kompiladis dum kvar jaroj novan vortaron Ĉina-Esperanta-Angla-Franca Ĉinmedecina Terminaro. Ĝin eldonis en la fino de 1997 Ĉina Esperanto-Eldonejo sub subvencio de FAME-Fondaĵo kaj de du famaj

Esperanto-veteranoj, d-ro Saburô YAMAZOE kaj s-ro Bruno VOGELMANN.

La termaniaro enhavas pli ol 7000 artikolojn ofte uzatajn en ĉinmedicino. Ĉiu artikolo konsistas el la termino en la ĉina lingvo, ĝiaj ĉinaj fonetikaj literoj, Esperanta traduko kun konciza klarigo kiam necesas, angla traduko kaj franca traduko. La terminaro estas kontrolita lingve de prof. LI Shijun, membro de la Akademio de Esperanto, ĉinmedicine de prof. PI Chiheng, direktoro de Jiangxi-a Ĉinmedicina Instituto.

En la 13a de junio, kadre de '98 Hubei-a Esperanto-Seminario s-ro PENG Jianjun, vicĉefredaktoro de la terminaro, donacis la vortaron en la nomo de la kompilintoj al Donghu-a Esperanto-Domo (DED)/ Hubei-a Esperanto-Asocio (HEA)

La vortaro ĈEAFĈT estas akirebla:

*ĉe s-ro PENG Jianjun/ Wubeicun 161, Xujiapeng Wuchang, Wuhan, Ĉinio*

### *3.5 Se vi volas vojaĝi al Pakistano kaj Uzbekio ...*

Mi, Saeed FARANI en Rawalpindi (Pakistano) kaj s-ro Anatoli IONESOV en Samarkando (Uzbekio) kune laboras en unu turisma projekto. Se iu grupo deziras viziti Uzbekion, li gvidos tiun grupon tien (en Uzbekio) kaj poste se tiu grupo deziras viziti Pakistanon, mi gvidos ĝin en Pakistano. En mia lando kvankam la ekonomia kaj politika situacio ne estas tre komforta, tamen la norda parto de Pakistano estas tre paca kaj turist-amema. Se iu grupo de 5 aŭ 10 personoj deziras viziti Pakistanon kaj Uzbekion, unu-semajna loĝado, transportado kaj vizitado en diversaj urboj kostas nur 400 US$. Kaj sama prezo estas por Uzbekio (400$+400$ por du landoj). Mi povas paroli tre bone Esperante, angle kaj france kaj en ĉiu ĉefa lingvo de Pakistano. Mi vetas ke se iu amiko, kiu vizitis mian landon, ne sentis sian vizitadon tre amuza kaj surpriza por la tuta vivo, mi forlasos gvidi venontajn grupojn. Antaŭ kelkaj semajnoj mi gvidis unu grupon el 12 geinstruistoj (8 virinoj kaj 4 viroj) el Britio. Ĝis hodiaŭ ili skribas al mi siajn mirindajn pozitivajn sentojn. Kaj ili deziras sendi al mi unu alian grupon de 10 geinstruistoj en oktobro.

Se vi deziras viziti Pakistanon, havu kontakton kun mi antaŭ la alveno.

*Saeed FARANI/ c/o Adnan Books, 15-B, Taj Mahal Plaza, Murre Road, 101-A S. Town Rawalpindi, Pakistano. tel.: +92-51-843930*

## *4. Okazis*

### *4.1 La 7a Liaoning Kongreso de Esperanto*

tempo: 1998-05-29~31

loko: Shenyang (ĉefurbo de Liaoning-a Provinco)

organizis Liaonig-provinca Esperanto-Asocio (LEA)

ĉeestantoj: pli ol 50

temo: "Esperanto kaj la 21-a jarcento

Oni decidis estraranojn: por la prezidanto s-ro WANG Renhu, por ĝenerala sekretario s-ro WU Guojiang. Okazis diskutoj en tri grupoj: 1) junularo, 2) komerco kaj turismo, 3) scienc-tekniko. Dum la kongreso ĉiujn partoprenantojn interesis malfermo de Amatora Radiostacio de Liaoning-Provinca Esperanto-Asocio BY2QVS (voksigno), ekspozicio de faroj kaj verkoj de MAO Zifu (Esperanta poeto, handikapa junulo). Por faciligi kaj akceli internacian kontakton s-ro WU Guojiang, delegito de UEA, prezentis al ĉiuj mondan Esperanto-movadon kaj koncernajn internaciajn organizaĵojn: UEA, TEJO, KAEM, MT, IKEF, ILERA, ISAE ktp. Jilin-provinca Esperanto-Asocio sendis delegacion el 5 personoj. Du geraportistoj de Ĉina Radio Internacia venis el Beijing por intervjui. S-ro LI Shi-jun, membro de la Akademio de Esperanto, ankaŭ persone vizitis la kongreson kaj gvidis Esperanto-kurson de la unua ĝis la 6a de junio. En la fino de la kongreso oni diskutis proponi, ke okazu la unua Nordorienta Azia Kongreso de Esperanto antaŭ la 2a Azia Kongreso de Esperanto en la jaro 1999. Oni kore esperis, ke pli multaj esperantistoj el la ĉirkaŭaj kaj aliaj landoj povos ĉeesti en la kongreso.

*WU Guojiang/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008 Fushun, Liaoning, Ĉinio. tel.: +86-413-2331153 (of), 7100871(h). fakso; +86-413-23332207*

## *4.2 La 17a Komuna Seminario*

tempo: 1998-07-24~27

loko: en Pekino, Ĉinio

ĉeestantoj: ĉ. 100 el 5 landoj (ĉ.70 el Ĉinio, ĉ. 20 el Koreio, 7 el Japanio, 2 el Aŭstralio, 1 el Pollando)

organizis: Ĉina Junulara Esperanto-Asocio

### *La 17a Komuna Seminario (+ties posta ekskurso) tra la okuloj de ĉina junulo*

*JIAN Weijian*

Ne estas tasko mia, sisteme aŭ komplete raporti ĉion kun ĉiuj detaloj. Ĉi-sube troviĝas nur memor- kaj pens-fragmentoj, personaj komentoj, pri tiu plej enhavoriĉa, plej agrabla Esperanto-aranĝo ĝis nun de mi spertita.

#### *KS=Kune Somerumi?*

La KS-n mi ĉeestis, kiel partoprenanto, sed ankaŭ kiel observanto.

Estante partoprenanto, mi mergis min en la Esperanto-lingvan medion, vivis kiel civitano de la reala Esperantujo (kontraste al la virtuala Esperantujo, kreata en niaj kapoj, ekzemple dum legado de literaturaĵoj aŭ korespondado kun leteramikoj). Kun akurateco kaj persistemo karakterizaj de studento, mi diligente kaj atenteme sekvis ĉiujn prelegojn rilatajn al la ĉeftemoj, kaj ĉiujn distrajn programerojn, kvankam plejofte mi preferis

humile silenti je tiaj "formalaj" aŭ tro "publikaj" okazoj kaj ekbuŝis nur "post-lecione", private. Eble tial s-ro MA Youngtae diris, en sia letero, ke li vidis min "pli ofte ol aliajn ĉinojn en kaj ĉirkaŭ la seminariejo".

Sed de temp' al tempo, mi konscie fortiris mian menson, provizore kaj kurte, el la ĉirkaŭaĵo, kaj plenumis alian "mision": superrigardi, observi, de ekstere, la tutan okazaĵon, observi la konduton de kaj interagon inter malsamnaciaj uzantoj de la sama artefarita lingvo, por akiri pli objektivan bildon; por pli profunde koni la socian fenomenon Esperanto. Kaj ankaŭ por serĉi respondon al la (idiotaj?) demandoj: Por kio kunvenas esperantistoj? Ĉu oni vojaĝas milojn da kilometroj, nur por aŭskulti kelkajn prelegojn, interŝanĝi nomkartojn, iom babili, amuziĝi?

Sendube, Esperantaj kunvenoj estas, por multaj, preteksto por feriado. Tio validis almenaŭ en mia kazo. Dank' al la KS, mi evitis la fajran varmegon de mia hejmurbo (kie ne maloftas temperaturoj super 35°C).

Sed ne simple tio.

La kunferiantoj sub la sama tegmento formis neordinaran etan socion, en kiu regis egaleco kaj amikeco; en kiu preskaŭ tute mankis konkurenco kaj konflikto. En tiun havenon oni fuĝis, for el la ekstera socio komplika, prema, streĉa...

Mia alia motivo: Ne povante antaŭvidi kiel ŝanĝiĝos mia vivo, mi decidis ne maltrafi tiun mini-UK, kiu povus esti mia lasta ŝanco en multaj jaroj...

***KS=krokodila Soleco?***

Strikte dirite, krokodiloj estis ni ĉiuj, laŭ tiu senco ke ĉiuj (senescepte!) uzis siajn nacilingvojn inter samnacianoj. Sed solecon plej suferis tiuj raraj kompatindaj krokodiloj, kiuj sen interpretado restus surdaj-mutaj eĉ ĉe (ekz.) internacia manĝotablo; kaj aligatoroj, kiuj izolis sin per lerta demonstrado de sia scio pri fremdaj nacilingvoj.

Vere, delonge enua pri eternaj komencantoj kaj hipokritaj oratoroj, mi tre ĝojiĝis, ekscitiĝis kaj optimismiĝis je tio, ke granda proporcio de miaj KS-kamaradoj posedas Esperanton sufiĉe bone por libera kaj plena komunikiĝado. Vere plezure, ke mi sentas min hejme! Jen du incidentoj, kiuj mirigis min, diletantan lingvemulon:

Unue: Dum arta prezentado, aŭdiĝis la vorto "bis" – komence el kelkaj voĉoj, sed tuj poste el unu komuna voĉo de la tuta spektantaro! – Kiom-ofte oni uzas tiun vorton en la ĉiutaga vivo, krom se oni efektive loĝas en Esperantujo? (Pli nesubtenebla estas la konjekto, ke la plejparto de la KS-anoj jam konas la lingvon francan aŭ italan.)

Due: Fotiĝonte sur la Granda Muro, ĉiuj reagis (ĉu aŭtomate aŭ imite) al mia ordono: "Pozu!", kvankam verŝajne neniu konsentas meti la vorbon "pozi" en la kategorion de "plej oftaj vortoj".

Krome, mi elkore gratulas tiun anoniman malican ŝercemulon, kiu makulis kaj ilustris la afiŝon de IAEA (Internacia Agrikultura Esperanto-Asocio) per la sensitiva

"Internacia Atom-Energia Asocio". Vidintoj ne hezitu denunci lin/ŝin!

Vivo en Esperantujo, tiel natura, ja ne esence diferencas de la vivo reala (kondiĉe ke oni ellernu Esperanton!). De dormoĉambro, manĝotablo, ĝis montopinto; de prelego, debato, ĝis infanludo;... En ĉiaj situacioj, Esperanto konvinke pruviĝis taŭga, uzebla. – Eltrovaĵo freŝa ne nur por nove-verdiĝintoj, sed ankaŭ por mi, malnova verdulo. Nekredeble! Dum mia kontaktiĝo kun alinacianoj, pli obstina baro ol la lingva baro, estis miaj hontemo kaj timideco!

***KS=Korea Supereco?***

La granda nombro de koreoj ŝajne malkonfirmis ĉiajn grizajn dirojn pri la "financa krizo". Tia (nombra) supereco des pli evidentiĝis en la ekskursa aŭtobuso, kie la ĉinoj fariĝis "etna minoritato" (ĉar nur pokaj ĉinoj, kiel mi, nevizitintaj nian ĉefurbon, restis tri ekstrajn tagojn en Esperantujo).

Post kiam ni triumfe "konkeris" la Grandan Muron, sur montopinto, iu koreo subite proponis, ke ĉiuj "konkerintoj" fotiĝu kun mi – surprize la unusola ĉino tiam kaj tie – sur tiu plej fama simbolaĵo de la ĉina lando. Onin ne impresis mia klarigo, ke mia hejmo estas fakte multe pli distanca al Pekino, ol Seulo.

***KS=Komika Servo?***

La KS mem iris ege glate kaj kontentige. Sed ne la post-KS-a ekskurso, prizorgata ĉefe de iu turisma agentejo (kvankam "ĉiĉeronojn" provizis ĈEL), dum kiu sursceniĝis kelkaj komikaĵoj (ironie):

Tre longe estis la vojo al la Granda Muro. "Tial," sincere diris nia simpatia ĉiĉerono, "ni paŭzos duonvoje, por ripozi". Haltinte, ni tamen trovis, krom povran necesejon, nur luksan vendejon de artaĵoj, sed neniun sidlokon. La samo okazis sur la revenvojo. Ĉi-foje, nia "ripozejo" estis klinikoj (t.e. lokoj, kie sanuloj diagnoziĝas malsanaj, kaj malsanuloj – pli malsanaj). Ambaŭfoje, la "ripozo" daŭris preskaŭ tiom longe, kiom ni restis sur la Granda Muro.

Vespere, la ĉiĉerono proponis al ni du eblajn programojn: pekina opero aŭ akrobataĵo. Ĉar la kosto ne inkluzivatis en la kotizo, oni demokrate voĉdonu: ĉu jes aŭ ne elekti unu, kaj kiun propgramon. La plimulto senvoĉe favoris la unuan eblecon. Kaj, dume, kion faru la avara-ŝparema malplimulto? Ili devis aŭ ĝui la varm(kor)econ en la forlasita aŭtobuso mallumigita kaj malklimatizita, aŭ riske vagabondi en malhelaj stratoj... Sed kiun spektaklon spektis tiu bonŝanca plimulto? – La finan parton de la opero.

La sekvan vesperon, la sen-mona ĉina gento estis apartigita disde la mon-havaj fremdaj gentoj, kiujn la ĉiĉerono "invitis" spekti – akrobataĵon!!– kun vakuaj stomakoj ĝis la 8a horo.

Alia komikaĵo: Forgesinte sian promeson, la KS-organizantoj forpelis nin, tuj post la KS, el Yunxiang-Hotelo, al du novaj "pli bonaj": unu por la koreoj kaj la alia por la

ceteraj. Kvin fremdlandanoj devis pacience stari kaj respekteme aŭskulti duon-horan kvereladon (bedaŭrinde ne en Esperanto), inter la ĉefo de la turisma agentejo kaj la direktoro de la hotelo, antaŭ ol finfine povi enloĝiĝi, malfru-nokte.

Menciindas ankaŭ, ke ĉiujn manĝojn (escepte la matenan) ni havis en iu restoracio tre malproksima de niaj loĝejoj. Tie, mian suspekteman nervon stimulis ia mistera etoso kaj kelkaj misteraj uloj nekonataj...

Ĉio ĉi rezultis el tio, ke la organizantoj responseme "vendis" nin, sub ia koluzio-kontrakto, al la turisma agentejo, kiu siavice koluziis kun certaj vendejoj, restoracioj kaj teatroj por kune eskpluati turistojn, laŭ (onidire) kutimo en la nuna Ĉinio. Sed la instanco – kiu pretendas sin LA reganto, LA reprezentanto de la ĉina esperantistaro kaj LA kunordiganto de la ĉina Esperanto-movado – kiom da fidindeco ĝi ankoraŭ kroĉigas al si, post tiu malmorala transakcio?

P.S. Serioz-mienuloj ne vane direktu polemikaĵojn al mia ERARA adreso en la KS-manlibro!

*JIAN Weijian (KS-n-ro 7)/ Tong fu zhong Lu, Shi ba mu heng 4 Hao, CN-510240 Guangzhou, Ĉinio*

## 4.3 La 3-a simpozio pri rilathistorio inter Japanio kaj Koreio

tempo: 1998-08-21~23

loko: Nova Domego de profesoroj de Universitato Hankuk pri Fremdaj Lingvoj en Seulo, Koreio

ĉeestantoj: 22 (8 el Japanio kaj 14 el Koreio inkluzive partajn partoprenojn)

### *raporto de unu el la prizorgantoj japanflanakaj*

*NIŜIO Cutomu*

La ĉeftemo estis "Post la Azia Pacifika Milito", kaj koncerne al ĝi, du prelegoj far koreaj eminentuloj, kaj en 4 sesioj, 3 raportoj koreflankaj kaj 4 raportoj japanflankaj okazis. Sed, bedaŭrinde la simpozio ne estis plensukcesa laŭ diskuta vidpunkto, ĉar efektive nesufiĉis koreaj partoprenantoj, malgraŭ sindona klopodo de la prizorgantoj. Kiam raportantoj raportis, relative mankis reagoj. Fojfoje ardis kaj gajis demandoj kaj respondoj sed preskaŭ ne okazis arda diskuto.

Nu, tamen, en flanko de amikeco kaj babilado, agrabla vivo, partoprenantoj kontente ĝuis. Agrablis vivo en hotelo Savoy, manĝoj variis kaj estis kontentiga kaj oni tre bone babilis kaj interamikiĝis. Kial tiom malmultis koreaj partoprenantoj, ĉu tempo ne taŭgis, ĉu propagando mankis, ĉu nia agado ne interesas? Ni devas severe kaj atente esplori kaj utiligi por estontaj simpozioj.

Aliflanke ni tamen decidis proponi okazigi diskut-kunvenon kiel la 4-an simpozion kadre de la 2-a Azia Kongreso kun temo "Vjetnama Milito", kiun oni ne povas preterlasi,

dum ni kongresos kaj kolektiĝos en tiu lando. Kaj tie nia klopodo estos taksata kaj ni devas nepre sukcesigi ĝin.

Jen sekvas konciza raporto de unuopaj prelegoj kaj raportoj laŭ vico. En la unua vespero, D-ro LEE Youngkoo, profesoro de Universitao Hankuk pri Fremdaj Lingvoj prelegis pri problemo de marlimoj inter Koreio, Ĉinio kaj Japanio trarigardante ties rilathistorion kaj konkludis, ke per homaranismo oni povus solvi la problemon.

En la dua tago, atm. en unua sesio TERAĴIMA Toŝio raportis pri "Postmilita historio de japaniaj koreoj". Li analizis kialon de ilia postrestado en Japanio, pri forrabo de ilia japana ŝtataneco, pri entrepreno por repatriiĝo al Norda Koreio, pri ilia luktado por vivi kun mem-estimo kaj pri movo por forigi diskriminacion per ŝtataneco kaj konkludis, ke unue en Japanio ankoraŭ ekzistas diskriminacio kontraŭ ili, due la problemo de individua kompenso estas ankoraŭ nesolvita, trie, kreskas nun ŝtatisma histori-vido pravigi la agojn fare de Japanio dum kaj antaŭ la milito kaj emfazis ke solvi problemon de japaniaj koreoj estas solvi japanan soci-politikan problemon mem.

Sekvis responde raporto de KIM Yangsu pri s-ino YUN Hakja [japane,TAUĈI Ĉizuko], kiu en urbo Mokpo helpis korean edzon en orfejo kaj daŭrigis tiun klopodadon eĉ post frua morto de la edzo dum la malfacilaj tempoj por japanino en Koreio. Kino, kiu temas pri ŝia vivo farita kunlabore inter Koreio kaj Japanio, estis prezentita al la japana publiko en la jaro 1996, sed bedaŭrinde en Koreio ankoraŭ ne. Oni nun preparas ties publikigon, ŝi diris.

Ptm. kiel dua sesio NIŜIO Cutomu raportis pri Japan-Korea Traktato je1965. Li preparis tradukon de la baza traktato kaj de la suplementa kontrakto pri leĝa rango de japaniaj koreoj, skizis ĉefan enhavon de la traktato kaj analizis problemojn, kiujn postlasis la traktato. Li emfazis, ke la traktato post ĉio estas grava, ĉar ĝi en ĉiu flanko donas bazon de interrilatoj inter Japanio kaj Koreio. Laŭ li interalie grave estas, ke en la traktato Japanio neniom pardonpetis pri ĝia kolonia regado kaj agresado al korea popolo, kio semadas postajn kompensajn problemojn.

Responde CHOI Yunhuy raportis pri "Diplomatiaj rilatoj inter Koreio kaj Japanio post la Azia Pacifika Milito". Ŝi retrorigardis japanan politikon pri eksteraj rilatoj kaj emfazis, ke ĝi ŝanĝiĝos per la nova kunlabor-gvidlibro por defendo inter Usono kaj Japanio kaj timas, ke Japanio pli kaj pli fortigos armadon pretekste por sekureco de Nord-orienta Azio. Aliflanke pri Koreio, ŝi esperis , ke ĝi mem klopodos fortiĝi, malhelpi japanan militismon. Kaj ŝi konkludis, ke ideala diplomatia rilato inter Koreio kaj Japanio alportos pacon en Nord-orienta Azio.

Poste sekvis prelego de CHOI Bongreol, honora prezidanto de Korea Esperanto-Asocio. Pro tio, ke li subite ne povis veni pro malsano, anstataŭ li, Ho Song voĉlegis lian manuskripton. Li retrorigardis densan antikvan rilaton inter Koreio kaj Japanio precipe pri la deveno de japana tennoa familio. Li emfazis elstarecon de majstro DEGUĈI Onisaburoo

analizante karakteron kaj strukturon de liaj antaŭdiroj.

En la 3-a sesio, kiu sekvis la prelegon, JAMAMOTO Ŝintaroo raportis pri aktiva agado en regiono Nagano kun titolo "De Hiroŝimo al Macuŝiro-Nagano, aktivas por paco kaj amikeco". En Macuŝiro, gubernio Nagano, troviĝas ruino de Tennoa Dummilita Ĉefstabejo kaj ĉu rilate al tio, aŭ ĉu ĝenerale aktivas pacaj kaj interamikiĝaj klopodoj en Nagano kaj pri ili li resume raportis.

Sekve KIM Ĝonggŭang raportis pri akvo-provizado en Koreio kiel laboranto en Korea Akvoproviza Kompanio. Li klarigis kiel la kompanio klopodas provizi sufiĉan akvon por popolanoj, pri grandaj digoj konstruotaj ktp., kaj interalie estis ŝoke, ke li, prizorganto pri akvo, atentigis, ke oni ne tre fidu pri pureco de Seula trinkakvo el akvo-vojo.

En la tria tago, atm. okazis lasta sesio, la 4-a. Unue TAHIRA Masako raportis pri nuntempaj vivoj de militaj sekssklavinoj. Ŝi en Japanio laboras ankaŭ por aktivado "Domo de Nanumu" en Koreio, kie vivas kaj loĝas sinanoncintaj seksslavinoj. En ĉi somero tie okazis inaŭguro de Memordomo pri seksslavinoj far Japanaj Armeoj kaj ŝi partoprenis en ĝi kun helpo de esperantista interpretisto. Ŝi raportis pri tiu partopreno kaj pri tiu domo.

Laste BAK Hŭaĝong raportis pri "La Problemo de Medicina Sistemo en Koreio". Li analizis nunan problemon de Korea medicino en kvar kazoj: Unu estas kaoso de malsamaj sistemoj ekz. japandevena, usondevena k.a. Alia estas kunekzisto ne-harmonia de orienta kaj okcidenta medicinoj. Tria estas divido inter medicino kaj farmacio. Kvara estas ekzisto de senkuracista vilaĝo. Kaj por helpi solvi tiajn problemojn, li deziras pli ofte renkontiĝi kun japanaj kuracistoj kaj interŝanĝi spertojn.

## *4.4 La 85a Japana Esperanto-Kongreso*

tempo: 1998-10-03~04

loko: en la urbo Kanazawa en la gubernio Isikawa

ĉeestantoj: ĉ. 260 (inter ili estis ĉ. 20 esperantistoj el aliaj landoj: Ĉinio, Koreio, Mongolio, Germanio, Rusio, Usono, Svedio kaj Filipinoj)

aliĝintoj: 480 (estis 140 moralaj aliĝintoj)

organizis: Japana Esperanto-Instituto

kunlaboris: Kanazava Esperanto-Societo kaj Esperanto-Ligo de Hokuriku

### *4.4.1 pri "Azia Agado" en la Japana Kongreso*

Ĉeestis ĉ. 40 el jenaj landoj kaj regiono: Ĉinio, Irano, Japanio, Koreio, Mongolio, Rusio, Usono kaj Honkongo.

Prezidis TAKEUTI Yosikazu, estro de Internacia Fako de JEI.

***raporto de TAKEUTI Yosikazu***

SATOO Ŝooiĉi el Japanio raportis pri la azia agado en la Montpeliera UK, kiu ĉijare celis prezenti, reklami kaj pridiskuti la preparadon de la Dua Azia Kongreso. Sekvis raporto de SYÔZI Keiko pri la agado de KAEM: Per Projekto C al UEA aliĝis ĉijare 60 personoj el 5 landoj, inter kiuj troviĝis nur 12 virinoj. UEA decidis helpi la eldonon de Esperanto-Vjetnama Vortaro kadre de la subvencio Cigno, kio estas aplikiĝo de projekto D. JEI sendis 600,000 enojn al UEA por Fondaĵo Azio, kion ebligs la monoferoj de la japanoj, kiuj ricevis kontraŭ tio la bultenon "Esperanto en Azio". HO Song skizis pri la movado en Koreio: Regule eldoniĝis "La Lanterno Azia", kaj eldoniĝis ankaŭ la verkoj de MA Youngtae, CHOE Taesok ka. Indas mencii i.a. la eldoniĝon de CD-roma Vortaro Esperanto-Korea. Sukcesis la 29a Korea Kongreso, la Somera Tutlanda Renkontiĝo kaj la 16a Komuna Seminario de Ĉinaj, Japanaj kaj Koreaj Junuloj. Progresis la instruado kaj disvastigo de Esperanto en universitatoj, Esperanto-organizoj, televidaj programoj kaj interretaj komunikoj. Rilate al la ĉina agado WANG Hanping raportis pri la 4a Kunveno de Ĝeneralaj Sekretarioj de Provincaj Esperanto-Asocioj, la regulaj kunsidoj kun unikaj laborplanoj fare de lokaj organizoj, progreso de Esperanto-kursoj en la edukaj institucioj kaj bona rezulto de la 17a Komuna Seminario de la trilandaj junuloj kc. Li sciigis, ke la revuo "El Popola Ĉinio" legeblas en interreto kaj ĈEL havas sian propran retpoŝton.

La raporto de Aleksandr TITAJEV temis pri la aktivado de Esperanto-Klubo "Pacifiko" en Vladivostoko, Rusio, kiu ĉiusemajne kunvenas en Fororienta Ŝtata Teknika Universitato. Oni jen diskutas pri la freŝdataj novaĵoj, jen sin okupas en la aranĝo de klubaj entreprenoj por diversaj festotagoj. Per la aranĝoj la klubo intencas interesi la studentojn al la eklerno de Esperanto. Li esprimis sian deziron informiĝi pri la nuna stato de la universitataj Esperanto-kluboj en Japanio. Reza KHEIR-KHAR interesis la ĉeestantojn menciante la intencon de junuloj de Irano kaj Turkio iam okazigi IJK-on en Turkio. Migmar ALTANCECEG el Mongolio raportis la fondiĝon de Mongola Esperanto-Ligo kun 20 membroj, en kies unua kunsido oni diskutis pri siaj deziroj eldoni vortaron, okazigi kursojn kaj havi propran bultenon. Bill MAK tiris atenton al la movado en Honkongo por ĝia reveno al Ĉinio. Li raportis la diversajn Esperantajn aranĝojn en la lasta jaro, kiujn partoprenis entute ĉ. 70 personoj. Lia raporto sin direktis ankaŭ al la eventualaj kunlaboroj kun ĉinaj Esperanto-organizoj, okazigo de kampanjo al diversaj universitatoj kaj esti kandidato al la gastiganto de IJK.

Puramo CHONG, prezidanto de KAEM, raportis pri la bonorda preparado de la Dua Azia Kongreso kaj instigis la ĉeestantojn al la tuja aliĝo.

DOI Ĉieko raportis pri la eldonado de "Esperanto en Azio" kaj menciis pri la bezono de freŝaj kontribuaĵoj precipe fare de landaj asocioj. TAHIRA Masako parolis pri la kampanjo oferi monon al Fondaĵo Azio de UEA kaj akcentis sian atendon pri la pozitivaj reagoj de samideanoj.

Sekvis liberaj opinilevoj, dume NISIO Tutomu raportis la rezulton de la 3a Simpozio

pri la rilathistorio inter Japanio kaj Koreio.

Ĝenerale dirite, la kunsido bone rezultis kun riĉaj raportoj, sed al mi ŝajnis ke al la sukcesa diskuto pli necesas mencioj ankaŭ pri la negativaj flankoj en la movado.

*TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si 569-0046, Japanio*

### 4.4.2 faka kunsido en JK, "Pri rilathistorio inter Japanio kaj Koreio horo"

Prezidis NISIO Tutomu.

Ĉeestis pli ol 37.

*raporto de NISIO Tutomu*

Oni prezentis grupon por komuna lernolibro pri historio, organizanto de la kunsido, raportis pri la 3-a simpozio en Seulo, (98-08-21~23). Poste, kvankam la grupo preparis propran programon, ŝanĝis ĝin kaj diskutis pri artikolo de s-ro IZUMI Yukio en "La Revuo Orienta (la organo de Japana Esperanta Instituto), 98-08" S-ro Izumi naive esprimis sian opinion pri "konsolulinoj", sed tiu artikolo multe ŝokis kaj doloris koron de koreaj samideanoj. Puramo CHONG do petis nian grupon diskuti pri tiu artikolo, kion la grupo juĝis kiel aktualan problemon diskutindan en la kunsido. Oni ne celis nur kulpigi la personon mem sed klopodis diskuti kial li tion publikigis. Ne nur japanoj kaj koreoj, sed ankaŭ ĉino, honkongano kaj usonano montris opiniojn pri tio. Oni rimarkis, ke mankas edukado pri historiaj faktoj ĝenerale kaj bedaŭrinde junuloj pli facile influiĝas de tiaj mem respektigaj konvertaj argumentoj de liberalisma historia grupo. Konkludis, ke por solvi la problemon, grava estas rekta interdiskutado kiel homo al homo en Esperanto, kion la grupo mem celas.

Nisio Tutomu/ Takadono 4-13-3, Asahi-ku, Oosaka-si JP535-0031. tel. kaj fakso: +81-6-955-5728. retpoŝto: (NBG02407@niftyserve.or.jp)

### 4.4.3 Impreso de mi el ĝemela urbo Suzhou

*ZHANG Tie Zheng*

Honore invitite de viaj Japana Esperanto-Instituto kaj Kanazava Esperanto-Societo mi kaj miaj kolegoj kiel reprezentantoj-esperantistoj de la ĝemela urbo Suzhou en Ĉinio, ĉeestis la 85an Japanan Esperanto-Kongreson kaj havis iom da profundaj impresoj pri la kongreso kaj Japana Esperanto-movado.

La nombro "85a" ja donis al mi okulfrapan impreson. Imagu, kion signifas ĉi tiu nombro "85a"! La nombro "85a" per si mem ja montras la longegan historion de japana Esperanto-movado, kaj konfirmas nin pri la persisteco kaj firma konvinko al Esperanto de japanaj esperantistoj. Ĝuste kun tio, ili diligente semadas senĉese, kaj farigis japanan Esperanto-movadon tiel prospera kaj fruktodona.

La agado, ke oni okazigas tutlandan Esperanto-kongreson en malsama loko ĉiujare, ja forte puŝas lokan Esperanto-movadon. Pri tio mi ankaŭ propraokule vidis ĉifoje en

Kanazawa. Vidu, en la kongresejo ĉie vigliĝas la figuroj de esperantistoj en Kanazawa, la veteranoj ĉion direktas, kun afableco ŝvebas en kaj ekster la kongresejo, farigis ĉion intima kaj amikecplena; la mezaĝaj, kun plena energio klopodadas kaj aranĝadas ĉion detalan, orde puŝas la kongreson glate kaj al sukceso memkonfide, kaj la juna ĉiam kun ridado en la vizaĝo kaj "Saluton" surbuŝe laboradas diligente, aldonas al la kongreso freŝecon kaj plenan esperon.

En Kanazawa, mi vidis la nunan staton de Japana Esperanto-movado, sed ankaŭ prosperan estontecon. (1998-10-11 en Japanio)

# *5. raportoj*

## *5.1 Iom pri pasinteco kaj nova disvolviĝo de la ĉina Esperanto-movado*

***(el la prelego de WANG Hanping en Japana Esperanto-Instituto, 1998-10-15, ĵaŭde, vespere)***

Mi laboras en "El Popola Ĉinio" kiel redaktoro, respondecas ĉefe pri Esperantaj rubrikoj kaj artikoloj.

Pri ĉina Esperanto-movado, interese estas ke ĝi multe rilatas al Japanio. Komence de la kuranta jarcento, Esperanto estis enkondukita en Ĉinion; unu el la ĉefaj kanaloj estis Japanio. Tiam ĉinaj studentoj LIU Shipei, ZHANG Ji kaj aliaj, kiuj studis en Japanio, lernis Esperanton de anarkiisto OOSUGI Sakae, kaj eldonis la ĵurnalojn "Egalecco" kaj "Justeco" por prediki anarkiismon kaj propagandi Esperanton. En 1908 LIU Shipei kaj aliaj revenis hejmlanden kaj fondis en Ŝanhajo Esperantan kurson. En la ĉina lingvo Esperanto estis tradukita komence al "AiSiBuNanDu" laŭ ĝia prononco, kaj "Nova universala lingvo" laŭ ĝia signifo, tamen poste al "Monda lingvo". Tiu traduko devenas de Japanio (rim. laŭ la lernolibro de Esperanto verkita de fama japana verkisto HUTABATEI Ŝimei) kaj estas uzata ĝis nun. Evidente, Japanio ludis gravan rolon en la komenca periodo de la ĉina Esperanto-movado.

En la historio ĉinaj kaj japanaj esperantistoj multe komunikiĝis. La plej elstara estas Verda Majo (rim. japana esperantistino HASEGAWA Teru). Ŝi ĝuas altan reputacion ne nur en la ĉina esperantistaro, sed ankaŭ en la tuta Ĉinio kiel internaciisma batalantino. En 1980, Ĉinio kaj Japanio kunlabore faris la koloran televidan filmon "Hejmsopira Stelo", kiu estas la unua kunlaboro inter televidistoj de la du landoj. En la filmo la fama japana aktorino KURIHARA Komaki ludis la ĉefrolon. La filmo vekis grandan eĥon post sia projekciiĝo en Ĉinio; multaj estis ege emociitaj. En 1983 la urba registaro de Jiamusi en Heilongjian-provinco konstruis novan tombon kaj monumenton por Verda Majo kaj ŝia

edzo Liu Ren. En la sama jaro la Pekina Opera Trupo surscenigis la operon "Verda Majo". Oni povas diri ke Verda Majo ĉiam vivas en la koroj de la ĉina popolo. Malfeliĉa informo estas ke ŝia filo Liu Xing forpasis pro malsano en Pekino antaŭ du jaroj.

En la sekvaj jardekoj, pro historiaj kaŭzoj, preskaŭ ĉesis kontakto inter la ĉinaj kaj japanaj esperantistoj. Ekde la 70-aj jaroj, precipe en la laŝtaj pli ol 10 jaroj, la kontaktiĝo inter la du landoj vigliĝis pro la oftaj vizitoj reciprokaj: Esperantistoj de la du landoj iris kaj venis kiel parencoj, precipe japanaj esperantistoj ofte vizitis Ĉinion. Iuj asocioj ĝemeliĝis, ekz., Changzhou kaj Takatuki, Shouzhou kaj Kanazawa, Tianjin kaj Kobe, kio akcelis la interkomprenon kaj amikecon. Dum mia laboro, mi konatiĝis kun multaj japanaj esperantistoj; tial kiam mi estas inter japanaj esperantistoj, mi sentas min kiel hejme.

Pri la historio de la ĉina Esperanto-movado mi ne parolos, ĉar iuj japanaj samideanoj eĉ pli bone konas tion ol mi. Antaŭ 12 jaroj japana Esperanto-simpatianto s-ino Jinzhiyangchun (rim. verŝajne Kaneko Haruhi laŭ japana legmaniero) doktoriĝis per la disertaĵo pri la ĉina Esperanto-movado. Do sube mi skize rakontos pri la nuna Esperanto-movado en Ĉinio.

Kvankam la ĉina Esperanto-movado havas preskaŭ 100 jarojn, tamen ĝia granda disvolviĝo estis en la 80-aj jaroj. Tiam Ĉinio malfermis la pordon; multaj ĉinoj precipe junuloj havis fortan volon por lerni. En tiu tempo aperis Esperanta poeto Armand Su. Multaj ĵurnaloj raportis pri li, kaj li fariĝis la modelo de la tutlandaj junuloj. Tial multaj sciis pri Esperanto. En la tuta lando funkciis diversaj Esperanto-kursoj. Por la 71-a Universala Kongreso en Pekino, "El Popola Ĉinio" fondis en 1985 Ĉinan Korespondan Esperanto-Instituton, preskaŭ 10,000 personoj partoprenis en la unua kurso de la lernado. Mi estis unu el la kursanoj. Tiam mi studis en Nankina Universitato. Laŭdire, en tiu periodo ĉirkaŭ 400,000 lernis Esperanton. Evidente tiu cifero estas neaŭtoritata, kaj plejparto el ili estis komencantoj. Tamen tiam vere grandnombro da homoj lernis, sed poste multaj forlasis Esperanton. Kompreneble la kialoj estas diversaj. Mi pensas ke la ĉefa kaŭzo estas ke ili opiniis ke Esperanto ne havas praktikan valoron, kaj la alia estas ke multaj estis limigitaj de kondiĉoj de la lernado. Tial en la 90-aj jaroj, la Esperanto-movado en Ĉinio ne estas prospera kiel en la 80-aj jaroj. Tamen nemalmultaj persistis kaj aktivas, kvankam malfacile. Ĝis nun en la tuta lando 28 municipoj, provincoj kaj aŭtonomiaj regionoj starigis Esperanto-asociojn; krome 140 urboj kaj pli ol 20 gubernioj starigis lokajn Esperanto-organizojn. En la lastaj jaroj fondiĝis fervojista, medicina, filatela kaj junulara Esperanto-asocioj, aktivis ankaŭ sciencistoj, teknikistoj kaj instruistoj. La nova disvolviĝo de la movado montriĝis en la jenaj kvar flankoj:

Unue, en diversaj lokoj oni okazigis diversajn aktivadojn kun lokaj trajtoj; ekz., pasintjare, en mezlernejo de Guilin fondiĝis knabina Esperanto-ĥoro el 42 membroj: La Changchun-a Esperanto-Asocio kaj Esperanto-lernejo de Xinhua en Changchun kune ellaboris la planon "21a-jarcenta Reto en Esperanto". Ĝi celas Esperantigi almenaŭ unu

homon ĉiumonate, interŝanĝi Esperantajn kasedojn, starigi ĝemelajn rilatojn kun aliaj Esperanto-asocioj. La Guangdong-a Esperanto-Asocio iniciatis fondi la Turisman Reton de Esperanta Kulturo kaj okazigis koncernan simpozion. La Hubei-a Esperanto-Asocio okazigis seminariojn pri Esperanta instruado kaj kulturo. En la nordorienta regiono de Ĉinio, Esperanto-asocioj kune agadis kaj okazigis la Unuan Nordorientan Kongreson de Esperanto.

Due estas nova progreso de Esperanto en la eduka kampo. En 1982 la Eduka Ministerio de Ĉinio disdonis dokumenton, reasertante ke Esperanto estu unu el la nedevigaj objektoj en la ekzameno de studenta diplomitiĝo, kandidatiĝo de studento-esploristo kaj en oficista ekzameno. Tial dekoj da universitatoj kaj institutoj funkciigis Esperanto-kursojn, ĉ. 7,000 studentoj lernis Esperanton kiel nedevigan lerno-objekton. Nun pli ol dek universitatoj kaj institutoj (en Pekino, Ŝanhajo, Shandong, Fujian, Liaoning, Jilin kaj Interna Mongolio) daŭrigas sian nedevigan Esperanto-kurson. Ankaŭ iuj mez- kaj element-lernejoj (en Ŝanhajo, Chongqing, Tianjin, Zhenjian, Lianyungang kaj aliaj urboj) funkciigas Esperanto-kursojn. Nun en Ŝanhajo, Jilin, Xinjiang, Shandong, Fujian, Tianjin, Interna Mongolio oni funkciigas Esperanto-kursojn, por ke instruistoj, inĝenieroj, scienc-esploristoj trapasu la ekzamenon de Esperanto por promociiĝo.

Trie la konatiĝo kun eksterlandaj esperantistoj kaj organizoj pli profundiĝas, kaj Esperanto estas praktika en multaj kampoj kaj akiris ĝojindajn fruktojn. Ekz., en 1995 la Ĉina Junulara Esperanto-Asocio gastigis la 14an Komunan Seminarion inter la Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj (mallonge KS), kaj ĉijare la 17an KS en Pekino, kiun ĉeestis 8 japanoj kaj pli ol 30 koreoj. Tianjin ĝemeliĝis kun Kobe, kaj ankaŭ kun Lodz de Pollando, somere ĉijare la delegacio de Tianjin-aj esperantistoj vizitis la urbon Lodz. HUANG Yinbao, agrikultura sciencisto en la gubernio de Gansu-provinco, kolektis semojn pere de korespondaj amikoj kaj kulturis bonan kulturvarion de akvomelono, nomata Verda Stelo. Li ankaŭ akiris la teknikon de prilaboro de poligono pere de japana samideano HOSIDA Acuŝi; pri tio li ricevis la honoran titolon "Tutmonda progresema sciencisto-teknikisto". En Fuzhou oni fondis Esperanto-lernejon, kie funkciis ne nur Esperanto-kurso, sed ankaŭ kursoj de aliaj fremdaj lingvoj, tiel ke ili povas gajni monrimedojn por subteni Esperanto-aktivadojn. En tiu flanko esperantistoj en Xi'an, Zhaozhuang, Liuzhou kaj aliaj urboj multon faris. Esperanto iom post iom montras sian praktikan valoron.

Kvare, profesiaj esperantistoj klopodas daŭre disvastigi Esperanton kaj vigligi Esperanto-movadon. Fine de 1996 malfermiĝis ĉina Esperanto-biblioteko, kiu havas pozitivan influon por altigi Esperanto-nivelon de ĉinaj esperantistoj, kolekti kaj ordigi materialojn de Esperanto-movado. En la lastaj jaroj la ĉina Esperanto-Eldonejo eldonis valorajn librojn, "Ruĝdoma Sonĝo", "Mirrakontoj de Liaozhai", "Analektoj de Konfuceo", "Alfluginta monto", "Sunleviĝo kaj Flumtondro", kiuj interesis legantojn. Ekde aprilo ĉijare El Popola Ĉinio legeblas en Interreto. La alira adreso estas [http://

www.china.org.cn/elpopolacxinio]. En septembro, ni starigis nian hejmpaĝon, ni bonvenigas japanajn amikojn viziti nin. [epc@china-report.com]

Tiuj atingoj estas nedisigeblaj de la klopodoj de la ĉinaj esperantistoj, nek de la subteno de la ĉina registaro kaj diversaj sociaj rondoj. En 1981, iniciatite de CHU Tunan, Hujucz, Bakin kaj aliaj ĉinaj famuloj, fondiĝis la societo "Amikoj de Esperanto"; nun ĝi estas pli disvastigita; 8 ministroj funkcias kiel ĝiaj honora prezidanto, prezidanto, vicprezidantoj kaj tiel plu. Ankaŭ la ĉina ĵurnalisma rondo donas aktivan subtenon al Esperanto-movado. Esperanto-poeto handikapula MAO Zifu lastatempe estis vaste raportita de ĵurnaloj kaj li estas honorita kiel "elstara junulo" de la junulara organizo de la urbo. Kompreneble en la movado troviĝas ankaŭ multaj malfacilaĵoj, ekz., mankas esperantistoj altnivelaj kaj junaj, kondiĉoj estas malbonaj kaj tiel plu.

Nun ĉinaj esperantistoj planas okazigi la Kvaran Ĉinan Kongreson de Esperanto en la venonta jaro, kaj helpi Honkongan Junularan Esperanto-Asocion inviti la Internacian Junularan Kongreson en la jaro 2000, pluapaŝe fortigi la kunlaboron kun Esperanto-organizoj de Japanio, Koreio, Vjetnamio kaj aliaj aziaj landoj. Kaj se kondiĉoj maturiĝos, Ĉinio volonte invitos UK-on komence de la venonta jarmilo.

*WANG Hanping/ "El Popola Ĉinio", P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio.*
*tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808*

## 5.2 Varma Tajdo Reekflusas en Liaoning-Provinco, Ĉinio

Aŭskultinte raporton de Ĉina Radio Internacia pri Esperanta movado en Liaoning Provinco en la 13a kaj 14a de julio, "Vi, Liaoning-a Esperanta movado (LEM) grandskale reaktivas! Ni kore gratulas al vi..." tiel diris nemalmultaj esperantistoj. Jes, ĝis hodiaŭ klare memoras multaj esperantistoj la unuajn aferojn en Ĉinio kreitajn de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) kaj ĝiaj filioj en urboj en la 80-aj jaroj, ekz., la unua urba televida Esperanto-kurso, la unua provinca Postlabora Radia Stacio, la unua private konsulta Esperanta telefono, la unua Esperanto-servo ĉe telefona informo de loka Buroo de Poŝto kaj Tele-komunikilo, ankoraŭ la unua gubernia Esperanto-Asocio havanta rektan rilaton kun la tiea poŝtoficejo, t.e. Xifent-gubernia Esperanto-Asocio... Tiam la kunefiko estis daŭre formi "varman tajdon" (Esperanto 1988/62-63, 1989/63-64).

Tamen nun alfronte la provon de la sistemo de la socialisma merkata ekonomio komence de la 90-aj jaroj, vere ŝajnis al ni, ke ni trovis vojon pri Esperanta movado taŭga por ĉinaj kondiĉoj post longa esplorado kaj praktikado. Sendube nova situacio reaperis en LEM. Multaj personoj demandas nin, ĉu ni ja havas bonan kaj efikan rimedon. Nia respondo estas simpla: tio estas faro kaj penso de persono. La sperto de nia trapaso estas: por disvastigi Esperanton unuigi ĉiujn personojn kiuj povas esti unuigitaj; por Esperanto-profito senegoisme oferi ĉian profiton, kio rilatis kun individuo; por Esperanto-futuro ĉion posedatan kontribui al Esperanto-movado. Ĝuste pro tio, en 1996 ni efike kaj sukcese

ĉesigis la decidon de la ŝtataj departementoj pri nuligo de Esperanto en ekzamena objekto en Liaoning-a Provinco (kiel prova unuo) ("Esperanto en Azio" 29/ p.15). Fakte ni iasignife savis faton de ĉina Esperanto-movado. Nia faro kaj parolado gajnas komprenon kaj subtenon de la socio kaj la homo.

Post naskiĝo de nova estraro de LEA en majo de 1998, LEM pliaktivas kvankam malfacilas finance. Nur en julio de 1998 pli ol cent personoj anoncis sin por Esperanto-kursoj organizitaj de LEA kaj ĝiaj filioj. Indas mencii, ke s-ino WANG Yun unuafoje funkciigis kaj instruis du Esperanto-kursojn en privata lernejo en la urbo Wafangdian, kie ĝis nun ne troviĝas ajna Esperanta organizaĵo. Krome ŝi establis etan gazeton nomatan "Amikeco" kaj mem kompilis instruaĵojn. Ŝia senegoisma faro kaj ofero gajnis la tutkoran subtenon de la lerneja estro. Ĝis nun multaj lernantoj kontinue vizitadas la kursojn. S-ino Wang kaj ŝiaj samideanoj estas preparantaj tiean Esperanto-asocion. Kiel nova ĝenerala sekretario de LEA mi sentas ĝojon sed nekontentiĝon, ĉar ankoraŭ tro mankas la viveco kaj aktiveco al LEM, precipe en fondo de Esperanto-organizaĵoj kaj internacia kontakto. Mi ĉi tie refoje elkore esperas, ke alilandaj esperantistoj povos aktive kontaktiĝi kun tiuj en Liaoning, ĉar viaj kontaktoj altigos la Esperantan nivelon de niaj esperantistoj (probable unu al la alia), kaj viaj vizitoj iagrade akcelos LEM.

*WU Guojiang, ĝenerala sekretario de LEA/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008 Fushun, Liaoning, Ĉinio. tel.: +86-413-2331153 (of), 7100871(h). fakso; +86-413-23332207*

## 6. leteroj de legantoj

### 6.1 el Pakistano, 1998-07-31

Unue mi konfirmas la bonordan ricevadon de la revuo "Esperanto en Azio". Mia hodiŭa letero estas por danki vin pro tiu afableco. Mi legas ĝin kun granda intereso. Kaj prenas forton legante pri diversaj novaĵoj pri nia progresema movado. Mi ankaŭ kore aplaŭdas viajn klopodojn rilate al regula publikigado de la bulteno. Mi bone povas kompreni tiun ĉi devontigon, ĉar mi ankaŭ publikigas unu revuon. Estas tre malfacile fari tiun klopodon regule...

*Saeed FARANI/ c/o Adnan Books, 15-B, Taj Mahal Plaza, Murree Road, 101-A S. Town Rawalpindi, Pakistano*

### 6.2 el Nepalo, 1998-08-30

Saluton! Dank' al vi la 31a numero de "Esperanto en Azio" venis al mi. Pro la dormema poŝtofico de Nepalo ĝi alvenis iom malfrue. Tio ne gravas.

Mi ŝokiĝis ke patrino de vi, Hirokaz, estas malsana. Mi petas al dio ŝian resaniĝon

fruan. Ankaŭ mi bedaŭras ke la edzino de s-ro Takeuti estas malsana.

Malgraŭ viaj personaj aferoj kaj profesioj, vi laboras tiom diligente. Mi nenion povas fari al vi krom sekaj vortoj. Mi bedaŭras...

*Razen MANANDHAR/ P.O. Box 3447, Kathmandu, Nepalo*

## 7. Kontribuoj

Jenaj 30 personoj kaj grupoj kontribuis sume 93,414 japanajn enojn.

Joel BROZOVSKY, DEGUTI Kyôtarô, ESAKA Kiitirou, Esperanto-Rondo de Ehime, GOTOU Kazumi, HUZISIMA Tosiko, IE Harumi, ITABASI Tutomu, IZUMI Yorimiti, KINOSITA Mayumi, KOYAMA Takesi, LEE Chong-Yeong, MAEKAWA Tuneo, Bill MAK, MITUKAWA Sumiko, MIYAZAWA Naoto, NOMURA Tadatuna, OOTAKI Tiaki, SIBAYAMA Zyun'iti, SUGIHARA Tadasi, SUZUKI Takao, SYÔZI Keiko, TAHIRA Masako, TAKEHANA To, TAKEZAKI Mutuko, TAMURA Mohei, TODOROKI Hisako, UEDA Tomohiko, UENO Katuhiro, YANO Keiko

## 8. ricevitaj organoj

### 8.1 "Tutmondaj scienco kaj tekniko"

1998-1 (marto), 1998-2 (junio) kaj 1998-3 (septembro) ; 28.5x21cm; 68-paĝa, 80-paĝa kaj 48-paĝa; Esperanta kaj la ĉina; ĉefredaktoro: SHEN Chengru; eldonas Eldonejo Tutmondaj Scienco kaj Tekniko;/ Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-62561724. fakso: +86-10-68512458; E-poŝto: mm.kk@bj.col.cm.cn

***Parolas la redaktantoj:***

En la venonta numero de nia bulteno vi legos raporton pri "Azia Agado" en la Montpeliera UK, kaj ankaŭ preparadon de la 2a Azia Kongreso. Ni eldonu ĝin laŭeble frue. Jam estas novembro! Tempo flugas tro rapide!
En aŭgusto forpasis la edzino de s-ro Takeuti, eksa prezidanto de KAEM. Spite de la malĝojo, li denove aktivas en Esperanta agado urbe, lande kaj azie.
Ĉieko kaj Hirokaz vojaĝis en Uzbekio dum du semajnoj en la fino de la somero kaj vidis multon en la lando, ne nur pri Espèranto-movado sed ankaŭ pri diversaj aferoj en la lando. Iam ni raportu pri Esperantaj aferoj tieaj en la bulteno.
Dume la patrino de Hirokaz ankoraŭ restas en hospitalo. Baldaŭ ŝi elhospitaliĝos; tamen ŝi ne povos paŝi proprapiede, sed nur per radseĝo. Estas bone kaj feliĉe, ke homoj vivas pli longe ol antaŭe. Tamen pli da problemoj solvendaj katenas nin.
Mi (Ĉieko) ne scias, ĉu mi povos daŭrigi Esperanto-agadon same kiel ĝis nun.

*(1998-11-15 DOJ Ĉ.kaj H.)*